Jaro VI * N.° 65ª — Majo * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

**Augusto Jimenez Loira**

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

**La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos**

**ENHAVO:** Avizo.—Novejarque —Malsaĝulo.—La Otuso.—Sceno el Angla Historio.—Bibliografio.—Sur la strato.—La gramatika familio.—Memorindaj Datrevenoj de Majo.—Spritludoj kaj Diversaĵoj.—Anoncoj.

## AVIZO

Kaŭze de transloĝiĝo de la Valencia Grupo kaj redakcio de La Suno Hispana, oni estis devigata enlasi kelkajn ŝanĝojn por ilia regula irado kaj funkciado. Denove S.ro Augusto Jimenez Loira, kun fervoro, vere laŭdinda, prenas sur sin la taskon direkti kaj administri tiun modestan revuon. Li ja estas malnova amiko de ĉiuj esperantistoj, kaj plezure revenas al la laboro post la nelonga helpo de S.ro Duyos, kiu ankaŭ daŭrigos, kun S.roj Inglada kaj Novejarque, laborante por la disvastigado de nia kara lingvo per La Suno Hispana.

Bonvolu, do, de nun, por ĉiuj aferoj skribi al la jena adreso:

## AVISO

A causa del traslado del Grupo de Valencia y redacción de La Suno Hispana, ha sido preciso introducir algunas variaciones para su regular marcha y funcionamiento. De nuevo D. Augusto Jimenez Loira, con un celo verdaderamente loable, toma sobre sí la tarea de dirigir y administrar esta modesta revista. Es ya un antiguo amigo de todos los esperantistas y con gusto vuelve al trabajo después de la breve ayuda del Sr. Duyos, quien juntamente con los Sres. Inglada y Novejarque, continuará trabajando por la divulgación de nuestra querida lengua, por medio de La Suno Hispana.

Suplicamos pues se dirijan desde ahora para todos los asuntos á

AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

PINTOR LÓPEZ, 3

VALENCIA



De la pasinta monato Januaro, S.ro Anĝelo Novejarque verkas konstantan rubrikon por La Suno Hispana laŭ sia specialeco. Lia nomo estas tre famkonata en Hispanujo, sed por prezenti lin al niaj fremdaj samideanoj, mi diros kelkajn vortojn.

Antaŭ kelkaj jaroj, en la rubrikoj por hieroglifoj, akrostikoj, k. s., de la hispanaj ilustrataj revuoj, komencis kunlabori S.ro Novejarque tiel sukcesplene, ke ĝis nun li publikigis 3.000 divenotaĵojn proksimume. Tre prave oni nomas lin la «majstro de la hieroglifoj», kaj bona pruvo de lia lerteco estas la granda nombro de revuoj, en kiuj li partoprenis; inter aliaj ni povas citi: *La Gran Vía*, *Las Bellas Artes*, *Blanco y Negro*, *Nuevo Mundo*, *Gil Blas*, *Diablo Mundo*, *La Gran Cocotte*, *Apuntes*, *La*

*Revista Moderna, Siglo XX, Heraldo de Madrid, Alrededor del Mundo, Iris, Nuevo Siglo, Pluma y Lápiz, El Suceso Ilustrado, Por Esos Mundos, La Saeta, El Mundo Científico, La Ilustración Española y Americana, El Arte del Teatro, Valencia Artística, Cosmopolita, La Ilustración Artística, Reflejos, El Gráfico, La Vida Española, Cake Walk, El Mundo al Día, La Cruz Roja, La Actualidad, X, De todas partes, A B C, Actualidades,* k. c.

Li lernis Esperanton tre profunde, kaj oni povas certigi, ke li bone konas ĝin, ĉar sukcese li klarigas kurson en la Valencia Grupo; li parolas tiel flue, kiel korekte... sed pri tio miaj vortoj estas neutilaj, ĉar la legantoj mem jam prave juĝis lin.

HISPANO.

# MALSAĜULO

**(Eltirita el «Versajoj en prozo» de Turgenev)**

Iam en la mondo vivis malsaĝulo.

Longe li vivis feliĉa kaj kontenta; sed fine venis al liaj oreloj la famo, ke ĉie oni rigardas lin, kiel sencerban malsaĝulon.

Malĝoja fariĝis la sencerbulo kaj komencis mediti, kiel ĉesigi la malagrablan famon.

Subite feliĉa penso trakuris lian malplenan kapon... kaj ne prokrastante li plenumis ĝin.

Li iris sur la strato kaj renkontis konaton, kiu komencis laŭdi faman pentriston...

—Kion vi diras!—ekkriis la malsaĝulo.—Ĉi tiu pentristo jam longe apartenas al la arĥivo... Vi ne scias pri tio? Neniam mi supozus tion... Vi estas malprogresema homo.

La konato ektimis kaj tuj konsentis kun la malsaĝulo.

—Kian belan libron mi legis hodiaŭ!—diris al li alia konato.

—Kion vi diras!—ekkriis la malsaĝulo.—Ĉu vi ne hontas? Nenion valoras la libro; ĝi estas simple makulaturo. Vi ne scias pri tio? Vi estas malprogresema homo.

Ankaŭ ĉi tiu konato ektimis kaj konsentis kun la malsaĝulo.

—Kia altidea homo estas mia amiko N. N.!—diris al la malsaĝulo tria konato.—Jen vere nobla estaĵo!

—Kion vi diras? —ekkriis la malsaĝulo.—N. N. estas konata fripono. Li rabis ĉiujn siajn parencojn. Kiu ne scias pri tio! Vi estas malprogresema homo.

La tria konato ankaŭ ektimis, konsentis kun la malsaĝulo kaj montris al la amiko la dorson. Kaj kiun ajn, kion ajn oni laŭdis al la malsaĝulo, li ĉiam havis la saman respondon.

Nur iafoje li aldonas kun riproĉo:—Vi do kredas ankoraŭ je la aŭtoritatoj.

«Malica galulo!»—komencis diri pri la malsaĝulo liaj konatoj.—«Sed kia kapo!»

«Kaj kia lango!»—aldonis aliaj.—«Vere, li posedas talenton!»

La afero finiĝis tiel, ke eldonisto de gazeto proponis al la malsaĝulo la redaktadon de la kritika fako.

La malsaĝulo komencis kritiki ĉion kaj ĉiujn, tute laŭ la antaŭa maniero, per la samaj esprimoj.

Nun li, kiu iam kontraŭbatalis la aŭtoritatojn, mem estas aŭtoritato, la junuloj admiras kaj timas lin.

Kaj kion devas fari la malfeliĉaj junuloj? Kvankam verdire oni devas havi kulton al neniu, sed ĉi tie, se vi ne admiros, ĉiuj nomos vin malprogresema.

Feliĉa estas la vivo de malsaĝulo inter timuloj!

KABE.

# LA OTUSO (1)

Juna otuso, vidinte sin en fonto kaj juĝinte sin pli bela, mi ne diros ol la tago, ĉar li juĝis ĝin tre malplaĉa, sed ol la nokto, kiu estis al li tre ĉarma, pensis en si mem: «Mi faris oferon al la Ĉarmoj; Venuso ĉirkaŭmetis al mi sian zonon, kiam mi naskiĝis; la karesaj Amoj, akompanataj de la Ludoj kaj Ridoj, flirtis apud mi por min karesi. Jam estas tempo, ke la blonda Himeneo donu al mi idojn graciajn kiel mi; ili estos la ornamo de la arbaretoj kaj la ĉarmo de la nokto. Kiel domaĝe estus, se perdiĝus la raso de la plej perfektaj birdoj! Feliĉa estos la edzino, kiu vivados, vidante min konstante!»

Tiel pensinte, li sendis la kornikinon, por peti kiel edzinon por li junan aglidinon, filinon de la aglino, reĝino de la aero. La kornikino hezitis preni sur sin tium komision: «Mi estos malbone akceptata, ŝi diris, proponante tiel nekonvene kunmetitan edziĝon. Kiel! La aglino, kiu kuraĝas fikse rigardi la sunon, edziniĝus kun vi, kiu eĉ ne povas malfermi la okulojn en la tago! Tio estas rimedo, por ke la geedzoj neniam estu kune; unu elflugos tage, la alia nokte.»

La otuso, vanta kaj sinamema, nenion volis atenti. Por lin kontentigi, la kornikino fine iris svati la aglidinon. Oni mokis ŝian malsaĝan peton. La aglino respondis al ŝi: «Se la otuso volas fariĝi mia bofilo, li venu post la sunleviĝo kaj min salutu en la alta aero.»

La tromemfida otuso volis tien iri. Liaj okuloj tuj konfuziĝis pro la lumo, li estis blindigita de la sunradioj kaj defalis de la alta aero sur ŝtonegon. Ĉiuj birdoj sin ĵetis sur lin kaj elŝiris liajn plumojn. Li estis tre kontenta trovi truon por sin kaŝi kaj edziĝi kun la paserstrigino, kiu fariĝis inda mastrino de lia hejmo. Ilia edziĝo estis festata en la nokto kaj ili trovis sin reciproke tre belaj kaj tre ĉarmaj.

*Oni devas nenion serĉi super si, nek sin tro alte ŝati.*

Trad. SAM. MEYER.

# Sceno el Angla Historio

En 1380, pro troaj militaj elspezoj, ekstra imposto po unu ŝilingo (tiutempe, la ĉiusemajna salajro de taglaboristo) de ĉiu deksesjara viro aŭ virino, kaŭzis ribelon. Tian imposton la malriĉuloj toleris malplifacile ol la riĉuloj. Tiutempe, spirito de libereco ekĝermis inter la plimalaltaj klasoj. La sekvan jaron, ekribeliĝo komenciĝis.

«Tumultema pastro», kiu alprenis al si la nomon Joĉjo Pajlo, direktis la servutulojn. La popolleviĝo minacemiĝis pro tio, ke impostkolektisto maldece kaj perforte insultegis la filinon de tegmentisto, por ke li sin certigu, ĉu ŝi havas la aĝon antaŭskribitan, ŝia patro, ekscitita de la kriego de sia edzino, alkuregis, kaj per bato de sia martelo, mortfrapis la ofendinton.

La apudstarantoj laŭdis la konduton de Valĉjo la Tegmentisto; li iĝis estro de la ribelantoj. Ili marŝis en Londonon, malfermis perforte la malliberejojn, detruis la palacon de la reĝa onklo, kaj senkapigis ĉiujn sinjorojn, kiujn ili povis kapti. Ili mortigis ankaŭ la Flandrojn, kiujn ili malamis, precipe pro tio, ke tiuj fremduloj estis prosperaj komercistoj kaj metiistoj.

(1) El la fabeloj de Fenelon, verkitaj por la eduko de la duko de Bourgogne.

Tuj, per proklamo, la reĝo ordonis, ke ili reiru al Mile End, kie li kunvenos kun ili, kaj plenumos iliajn petojn. Tiuj moderaj petoj estis: (1) La forigo de servuteco; (2) la plimalgrandigo de la lukosto de farmteraĵoj; (3) la privilegio aĉeti kaj vendi ĉe foiroj kaj vendejoj; (4) ĝenerala pardono.

Reĝo Riĉardo II konsentis je ĉiu peto, ordonis ke dokumentoj estu redaktotaj, kaj la plimulto da ribeluloj disiĝis. La Tegmentisto, ne estis kontentigata, deziranta pluajn koncesiojn. Li, kune kun multaj, restis en Londono, kaj renovigis la perfortojn.

La juna regnestro aranĝis renkonton kun la malkontentuloj ĉe Smithfield. Dum la interparolado, de la renkontejo, kie la reĝo ĉeestis kun matmulta sekvantaro, Tegmentisto palpetis sian ponardon; ŝajnis kvazaŭ li ekprenos la reĝan bridon. Tial Walworth, Londona urbestro, per sia glavo, lin batis teren, kiam unu el la sekvantaro lin mortigis. La ribeluloj sin pretigis por venĝi la morton de sia kapitano, kaj tuja danĝero minacis la reĝon. Kun ne kutima maltimo (ĉar lia karaktero estas tre malforta) la reĝo antaŭenrajdis, kriante «Kion faras vi, miaj fidelaj regatoj? Perfidulo estis Tegmentisto! Mi estas via reĝo, mi mem estos via estro!» La popolamaso, senkuraĝigata pro respekto kaj ŝanceliĝanta, estis alkondukata al apudaj kampoj; oni veniĝis reĝan soldataron, la petintan pardonon popolamason oni dise forsendis, kaj la reĝo donis la samajn koncesiojn, kiujn la aliaj ribelintoj jam riĉevis.

Post kelkaj semajnoj oni tute subpremis la ribeladon.

Tuj, Parlamento nuligis la dokumentojn gajnitajn de la ribeluloj. Pli ol dekkvin centoj da pardonitoj estis senkapigataj!

Libereco iras malrapide, paŝo post paŝo, laŭ sanga vojo.

Tiel same kiel perfekteco, libereco estas neniam atingata, ĉiam atingota.

Nur unu libereco estas sopirinda; la libereco fari sian devon. Ĉiu, ĉu reganto ĉu regato, akre demandu al si, «Kio, do estas *nia* devo?»

KEIGHLEY, ANGLUJO. JOHN ELLIS.

# Bibliografio

*J. Turgenev. Versaĵoj en prozo*, el la rusa lingvo tradukis Kabe. Eldonita de la *Libroeldonejo Esperanto*. Moskva (Ruzujo). Valovaja, dom Serpuhovskogo mon, kv. 5. Prezo: 0'42 spesmiloj.

La *Libroeldonejo Esperanto*, komencis eldoni literaturan kolekton de verkoj el slavaj aŭtoroj, tradukitaj en Esperanto; tiu ĉi entrepreno estas tre grava por la disvastigo de nia afero, ĉar ĝi permesos al ni koni kaj rekte ĝui la ĉarmon de tiu slava literaturo, tiel interesa por ni kaj nur konita ĝis nun malbone, per la helpo de tradukoj ne rekte faritaj el la originalo. Tial ni ne eraras, kredante, ke la Esperantistoj ĉiulandaj varme aplaŭdos tian iniciativon kaj kore helpos al la *Libroeldonejo Esperanto*.

Jam de longe ni havis grandan deziron koni la senmortan verkon de la senmorta Turgenev *Versaĵoj en prozo* en ĝia tuteco, ĉar kelkaj el tiuj belegaj pecoj, kiel «Morgaŭ! Morgaŭ», «Regulo de la vivo», «Necessitas.-Vis-Libertas», «Kiel belaj, kiel freŝaj estis la rozoj», k. c., aperintaj en «Lingvo Internacia», estis nin tre ravintaj per sia beleco kaj trafeco.

Tial, kiam ni ricevis la ekzempleron de *Versaĵoj en prozo* tradukita de tia stilisto, kiel Kabe, nia ĝojo estis supermezura kaj per unu fojo ni tralegis la tutan interesan verketon.

En *Versaĵoj en prozo* sin montras en sia alta valoro tiu simpla stilo, kiun faris el S.ro Kabe unu el la plej ŝatataj verkistoj. Efektive, tiu klareco kaj malkomplikeco de

la frazo alkonformiĝas preskaŭ nature al la trafa pensado kaj profunda ironio de la rakontetoj de Turgenev kaj presentas ilin en tiu mallonga kaj malpeza stilo, kiu ĉarmas la leganton kaj lasas lin, ĉiam en la bedaŭro, ke la rakonteto tiel frue finiĝis.

Legu la Esperantistoj *Versaĵoj en prozo* kaj ili ne kontentiĝos per unusolafoja tralegado. Kaj por ke niaj legantoj povu bone ĝui kaj kompreni la altvaloron de la pritraktata verko, ni-represas en tiu ĉi numero la rakonteton «Malsaĝulo» kaj en venontaj numeroj ni represos du aliajn, dankante plej kore S.[ron] Kabe kaj la *Libroeldonejon Esperanto,* kiu bonvolis doni al ni sian afablan permeson.

*La sentencoj de Salomono,* libro el la Biblio, el la originalo tradukis, D.[ro] L. L. Zamenhof. Prezo: 1'50 frankoj. Ce librejo Hachette kaj k.°, 79, Boulevard Saint-Germain. Parizo.

Libro el la Biblio kaj tradukita de nia Majstro! Ĉu oni povas figuri al si pli allogan legotaĵon? Kiel «La Predikanto» kaj «La Psalmaro», tiu ĉi verko estas traduko rekte farita el la originalo per tia purstilo, frazosimpleco kaj taŭga aranĝado de la vortoj, kiuj karakterizas la verkojn de D.[ro] Zamenhof, ŝajne tiel facile verkitajn kaj tamen kaŭzantajn la malesperon de ĉiuj, kiuj vane provas ilin imiti.

Plej kore ni devas danki D.[ron] Zamenhof por la esperanta tradukado de «Biblio». Pro sia altsignifo ĝi estas potenca radiko per kiu nia jam fortika literaturo esperanta akiras plifirmecon kaj neŝanceleblecon. Kaj se nia arbo—la esperanta lingvo—perdis pro reformemuloj kelkajn nemultesignifajn foliojn, ĝi ĉiutage teren enigas novajn radikojn,—la ĉiumomente aperantaj verkoj,—inter kiuj «Revizoro», «Rabistoj», «Psalmaro», k. c., estas per si mem sufiĉaj por ĉiamigi ne unu solan lingvon, sed tutan familion!

*Conrs elémentaire pratique d' Esperanto*, d' aprés la méthode directe combinée, conforme aux programmes officiels de l' Enseignement des langues vivantes de Michel Becker Professeur de langues vivantes á l' Ecole Alsacienne et E. Grosjean-Maupin, ancien éléve de l' Ecole Normale Supérieure, Professeur agrégé de l' Université. Esperanto. Kolekto de «La Revuo». Unu volumo 166 paĝa. $11 \times 17 \, ^1/_2$. Prezo: 1 franko. Ĉe librejo Hachette kaj k.°

Vere praktika lermolibro, kiu multe taŭgos por la lernado de Esperanto, speciale ĉe junuloj. Ĝiaj aŭtoroj gradige, klare kaj precize elmetas ĉiujn regulojn de Esperanto kaj per multenombraj ekzercoj kaj kolekto de plej uzataj frazoj penas kiel eble plej akirigi ĉion necesan por posedi nian lingvon. Tiu ĉi verko havas ankoraŭ alian tre ŝatindan econ, kiu sendube estas aplaŭdinda novaĵo. Ĝi estas verkita konforme al la oficialaj programoj por la instruado de vivantaj lingvoj. Tial ni ne dubas, ke ĝi atingos plej brilan sukceson, kiel ni deziras al la aŭtoroj, kiujn ni gratulas pro tiu prospera eniro en la esperantan verkistaron, kiel ankaŭ ni gratulas firmon Hachette pro la bela eldono de la verko kaj pro ĝia tre malkara prezo.

*Cours méthodique d' Esperanto.* Versions. Thémes, de Camille Aymonier, Professeur agrégé aŭ Lycée Charlemagne et E. Grosjean-Maupin, ancien éléve de l' Ecole Normale Supérieure, Professeur agrégé de l' Université. 2 volumoj 134 kaj 136 paĝaj $11 \times 17 \, ^1/_2$. Esperanto. Kolekto de «La Revuo». Prezo de ĉiu volumo: 1'20 frankoj. Librejo Hachette kaj k.°

Jen ankoraŭ tre varme rekomendinda lernolibro inda je la aŭtoroj de «Grammaire compléte d' Esperanto» kaj de la ĵus pritraktita verko. En la parto *Thémes* (en franca lingvo) oni trovos tre utilajn klarigojn, koncernantajn la perfektan posedon de Esperanto kaj en la alia volumo *Versions*, tre necesa por ĉiuj profesoroj de Esperanto, ĉu francaj, ĉu nefrancaj, oni legos riĉan kolekton de plej fidindaj ekzemploj, preskaŭ ĉiuj ĉerpitaj el la verkoj de nia Majstro. Nenio mankas en tiu ĉi bela libro: preziceco,

ke vi lin defendas, ke vi min kredas nejusta kontraŭ li... Vi jam havos okazon prijuĝi, ĉu mi estis tia, ĉu mia patro ankaŭ estis... Li apenaŭ alvenis... Li havos tempon agi laŭ sia kutimo!

## SCENO IV

LA SAMAJ *kaj* JULJANO

JUL. Tiun ĉi leteron kaj tiun ĉi telegramon oni alportis de S-ro. Montero.

JOZ. Donu. (*Prenas la leteron kaj la telegramon*).

JUL. Kaj tiun ĉi bileton por sinjoro Emanuelo...

JOZ. (*Ne rigardante ĝin kaj malfermante jam la leteron*). Portu ĝin en lian ĉambron... aŭ lasu ĝin ĉi tie, li ne malfruos reveni. (*Juljano lasas la leteron sur la tablo kaj eliras*).

JOZ. (*Legas la leteron kun montro de malbonhumoro; finante, li ĉifas la paperon. Kolere*). Kia malfertaĵo! Oni povas fidi al neniu!

MAR. (*Irante al Jozef-Ludoviko, ektimante*). Kio okazas?

JOZ. Montero sendas al mi tiun ĉi telegramon, per kiu oni petas de li ordonojn pri afero, kiu devus esti jam solvita .. Mi skribis antaŭ ok tagoj! Estas neeble regajni tiom da perdita tempo!

MAR. Ne malkvietiĝu!

JOZ. (*Sonorigas. Juljano eniras*). Ne... Mi mem iros... (*Al Juljano sin pretigante eliri*). Nenion.

MAR. (*Detenante lin*). Ĉu vi tuj eliros?

JOZ. Mi devas vidi Montero'n.

MAR. Je Dio, Jozef-Ludoviko! Ne eliru nun... Ne agi-

tiĝu... Skribu nur du vortojn... (*Al Juljano, preta foriri*). Atendu...

JOZ. (*Konvinkita*). Estos pli bone... Mi estas tre nervekscitita, mi ne respondas je mia kvieteco. Ĉu vi havas skribilaron? (*Serĉante per rigardo*).

MAR. (*Kondukante lin al la tablo, kaj malfermante pupitron*). Jen estas ĉio... Prenu... Estas tre malfrue por eliri... Antaŭ ol iri al la teatro vi devos engluti ion... Ni manĝis tre frue... (*Preparante papcron, plumon k. c.*) Jen vi havas. (*Sidiĝas kontraŭ li*).

JOZ. (*Mallaŭte dum li skribas tre nervekscite*). La teatro... la teatro!... (*Mario prenas la leteron por Emanuelo, kiun Juljano lasis sur la tablo, kaj pririgardas ĝin atente*).

JOZ. (*Al Juljano, donante al li leteron kaj du paperfoliojn*). Kurante al Sinjoro Montero kaj de tie al la telegrafejo... tiu ĉi telegramo... urĝanta... respondo pagita...

JUL. Bone. (*Eliras*).

JOZ. (*Rimarkante pri la letero, kiun Mario havas en la manoj*). Kiu estas tiu letero?

MAR. La letero por Emanuelo. (*Ne delasante ĝin*).

JOZ. (*Malmilde*). Ĉu vi estas ĝin malfermonta?

MAR. (*Kun rida mieno*). Kia sensencaĵo! Mi rigardis, ĉu ĝi estas el virino... Ĝi havas la tutan ŝajnon... kvankam li ĵus alvenis, eble ne mankas al li ia amafero...

JOZ. (*Severe*). Ĉu tio estas por vi grava?

MAR. Neniel... (*Rimarkante la jam seriozan mienon de Jozef-Ludoviko, ŝi sin levas kaj direktas sin al li, ĉiam kun la letero en la mano*). Kial vi demandas min tiel? Kion vi volas diri al mi?

JOZ. (*Furioza*). Lasu en paco tiun leteron! Vi ja min nervekscitas!
MAR. (*Ofendita, pli proksime*). Sed Jozef-Ludoviko!...
JOZ. (*Fortprenas el ŝi la leteron, ĝin ĉifas kaj ĵetas ĝin sur la tablon*). Malfermu ĝin, eksciu pri ĝi!... Ĉu vi estas ĵaluza?...
MAR. (*Ofendita, unue kun energio, poste kun profunda malĝojo, ekplorante*). Jozef-Ludoviko!... Jozef-Ludoviko! (*Lasas sin fali sur seĝegon*).
JOZ. Tio mankis al mi! Mi estas ja por ploroj! (*Eliras. Paŭzo*).

## SCENO V

MARIO *kaj* EMANUELO

EMAN. Mario! Kio okasas al vi? Kial vi estas tiel?
MAR. Nenio!... Ĝi estas nenio...
EMAN. Kaj Jozef-Ludoviko? (*Sin direktante kvazaŭ por serĉi lin*).
MAR. (*Lin detenante*). Ne, ne! Lasu lin... lasu min, ĝi ja estas nenio. Jozef-Ludoviko sentis sin malbonfarta, mi ektimis .. mi estas tre nervekscitita... kaj mi ekploris. Kia malsaĝaĵo!
EMAN. (*Ekrimarkante la ĉifitan leteron kaj ĝin kaptante*). Ĉu letero? Por mi?... Kio ĝi estas?
MAR. Jozef-Ludoviko ricevis samtempe telegramon kaj malagrablan leteron kaj furioza li ĉifis ĉion... Jen kial ĝi estas tiel... Pardonu.
EMAN. Sed kio okazas al li? Kiaj estas tiuj sciigoj?
MAR. Iu afero... ia mallertaĵo de korespondanto... Vi jam konas lian karakteron, en la unua impreso...
EMAN. Kiel li certe igas suferi vin!

MAR. *Nur mi estas tre malsaĝa, mi ne* **komprenas, ke** tio malaperas tuj de li.

EMAN. Kia karaktero!... Antaŭ nelonge li estis kun mi, tie ĉi mem, parolante tiel gaja, tiel komunikema... Ĉu vi rememoras?... Li stimulis nin iri al la teatro... Bah! Tio ĉi ne povas esti... Mi iras lin serĉi.

MAR. Ne, Emanuelo... Li ja venos... Ne iru.

EMAN. Kiu ajn diros, ke vi timas lin... Atentu, ĉu vi scias, kion mi pensas? Ke ni devas lin puni, kiel la kapricobstinajn knabojn... Ni iras al la teatro kaj lasas lin sola. Ĝi estas tre stranga karaktero!

MAR. Ne, mi ne iras al la teatro. Iru vi sola. Ne kalkulu sur nin, mi vin petas... Ne disputu kun Jozef-Ludoviko tiun ĉi vesperon!...

EMAN. Mi ne kredas, ke li estas kolera pri mi...

MAR. Kiam li estas malbonhumora, li estas tia por ĉiuj.

EMAN. Nu, *mi diras al vi*, ke li estas plej malsukcesiga por la festoj! Kaj ni estis tiel kontentaj pri nia opero!... Ni ja devas iri, vi vidos... Mi iras min vesti... Kaj kredu min, faru *la samon*... **Ne estas** la afero malĝoji, ĉar unu negoco neatendite malsukcesis... Ĉio konsistos en kelkaj pesetoj malplie... malplie en gajnado he?... sed ĉiam gajnante... La afero estas plendi.

MAR. Vi vidas tion! Kiu povus esti pli feliĉa, ol ni?

EMAN. Ha mia kara! Se la riĉuloj, do, ne furiozus, nek mortus, la sociala revolucio estus jam fakto. Estas konvene kredigi, ke ni estas malfeliĉuloj, ke la mono ne feliĉigas... kaj atentu, pri tio mi jam de longe estas konvinkita. Mi iras vesti min... mi revenos al vi, kaj se li ne volas veni, des pli bone, ni ne lin bezonas... Ni iros solaj. (*Eliras*).

## SCENO VI

### MARIO

Kia diferenco!... Fratoj pli malsamaj!... Jozef-Ludoviko venis al tia ekstremo de strangeco, ke estas neeble lin kompreni. Li turmentas sin mem kaj turmentas nin ĉiujn... Li ne amas sian fraton... oni ja vidas... Ĝi estas antipatio, repuŝemo nevenkeblaj. Mi konas, ke li batalas por ilin elŝiri, sed ili estas tre profunde enradikitaj... Ideoj, sentoj... ĉio estas malsama en ili... Kaj Emanuelo lin amas... Emanuelo estas bona. Jozef-Ludoviko estas nejusta kontraŭ li!... Mia koro ribelas kontraŭ lia malbonvolo por lin riproĉi... Tiu severa malafabla mieno de lia patro!... Ŝajnas ke mi estas ankoraŭ *lin vidanta*. Kiam ni estis infanoj li timigis nin... nur Jozef-Ludoviko kuraĝis fronti kontraŭ li... Lia patrino ŝanĝe... Kiel bona por ĉiuj! Ĉiuj ni povis enresti en ŝiaj brakoj, por ĉiuj ŝi havis karesojn!... Tiel kontraŭaj ili ambaŭ estis, ke eĉ donante vivon al siaj idoj ili ne kununuiĝis. Kompatinda patrino! Kiomfoje mi vidis ŝin, kiu kaŝate ploris!... Kiel mi nun... Mia Dio, kia malĝojo!... (*Kun mallaŭta ploro*). Kia ĉiama ofero estas mia vivo!... Kaj mi neniam plendis! Per tuta la amo, per tuta la abnegacio de mia animo mi penis fari lin feliĉa... kaj li ne estas! (*Maldolĉe*). Kaj se li ne estas!... Kiel mi povas esti?... Ĝi ne estas mia kulpo. Dio mia! Ĝi ne estas... Patrino mia! (*Restas plorante*).

## SCENO VII

MARIO *kaj* EMILIINO

EMIL. (*Interne*). Lasu, lasu,... kie ili estas!...
MAR. (*Aŭdante la voĉon de Emiliino sin levas kaj penas sereniĝi*). Ha, Emiliino...
EMIL. Jen mi estas. Via bofrato estas tiel aminda, ke li invitis nin al la teatro hodiaŭ vespere. Sed Ferdinando ne povas akompani min dum la unua horo, mi ne volis eniri malfrue kaj venas por iri kun vi... se mi ne ĝenas. Mi venis en mia veturilo. Ni povas iri en ĝi kaj Jozef-Ludoviko kaj Emanuelo en la via... Kiel varme estas ĉi tie! (*Formetante sian surveston*). Mi vestis min tiel rapide!... Mi timis ne trovi vin... kaj vi ankoraŭ estas tiel... Ĝi jam estas preskaŭ la duono de la naŭa... Mi ja scias, ke Jozef-Ludoviko bone alvenis... Kio okazas al vi? Vi havas malsanan vizaĝon... Sed, nu, mia kara, vestu vin por la teatro... Mi estas tre maldelikata, ne plaĉas al mi eniri kiam la prezentado estas komencita.

## SCENO VIII

LA SAMAJ *kaj* EMANUELO *kun frako kaj floro en la butontruo*

EMAN. Pri mi, kiam vi volos... (*Ekvidante Emiliinon*). Ha, sinjorino!...
EMIL. (*Salutante lin*) Mi tre dankas vian amindecon.
EMAN. Kaj via edzo?

EMIL. Li iros pli malfrue. Li havas konsiliĝon en la klubo...

EMAN. (*Al Mario*). Kaj Jozef-Ludoviko?...

MAR. (*Flanken al Emanuelo*). Je Dio, Emanuelo! Vidu, kia situacio... Kiel diri al Emiliino!... kaj mi ne povas iri.

EMAN. Kiel! Iru vin vesti. Mi parolos al Jozef-Ludoviko.

MAR. Ne, ne... Tiun ĉi vesperon mi timas lin!

EMAN. Mario!... Tio okazas? Vi timas!... Vi estos alia kompatinda oferito kiel mia patrino. Vi, tiel bona, tiel sankta, kiel ŝi! Ho, ĝi ne povas esti; mi diraŝ al vi, ke Jozef-Ludoviko min aŭdos.

MAR. Ne, Emanuelo, mi vin petas... Vi ne konas lin... Li ne kredu, ke mi ja estas, kiu incitas vin kontraŭ li... Dio scias, kion li pensus! (*Ili daŭrigas parolante mallaŭte*).

EMIL. (*Observante*). (Kio estas ĉi tie?... Io stranga okazas... Ĉu Franciskino estus hieraŭ prava?... Mi ne kredas ĝin... Sed, estus vidinde!...) (*Rigardas la horloĝon. Laŭte*). Tri kvaronoj de la naŭa... Ĉu eble mi venis ĝeni? Ĉu vi ne intencis iri al la teatro?

EMAN. Jes, jes... Nu, Mario, vestu vin... Vi ja vidas... Kiel lasi Emiliinon?... Mi iras por Jozef-Ludoviko... Mi diras, ke li iros... Jen li venas ĝustatempe.

## SCENO IX

LA SAMAJ *kaj* JOZEF-LUDOVIKO

EMIL. Estu bonveninta.

JOZ. Bonan vesperon, Emiliino (*Sidiĝas*).

EMAN. Vi ankaŭ nevestita .. nu... kial vi malfruas?...

JOZ. Mi ne iras al la teatro... mi estas malsana... Es-

tas tre malvarme. . mi ne sentas min en humoro por teatro...

MAR. (*Sidiĝante je lia flanko*). Mi, do, restos... Iru, Emanuelo.

EMIL. (Bela afero! Ĉu ili min lasos iri sola, kun la bofrato?... Riĉa fraŭlo!... Bonaj estas la kondutkritikoj en Madrido!) Se vi estas malsana, ni restos... (*Sidiĝas*).

MAR. (*Kiu jam ne rememoris pri Emiliino, rimarkante ŝian ĉeeston*). Estas vero, vi... (Kion pensos Emiliino? Mi estas korpremita!)

EMAN. Estas bone... Ni restos! (*Sidiĝas rezignacie*). Ni restos por maldormi pro la tujmortonto...

JOZ. (*Kolerigita*). Ne... Mi kuŝiĝos... Vi povas iri. (*Al Mario*). Vi ankaŭ.

MAR. Ne, mi ne.

JOZ. Mi diras, ke vi iru!

EMIL. (*Pacigeme*). Ni iru! (*Al Jozef-Ludoviko*). Kaj vi ankaŭ... Animiĝu... Hodiaŭ vi estas kun mieno pli bonfarta, ol neniam... Vi distriĝos; Ferdinando volas paroli al vi... Nu, vestu vin! Vi ne estas ia maljunkriprulo por kuŝiĝi je la oka! Per Dio! Se vi kutimiĝas al hejmosidado... en via aĝo... Lernu per via frato... Tiel, belsintena kiel knabo...

EMAN. (*Al Jozef-Ludoviko, flanken*). Nu, Jozef-Ludoviko! .. Vi ja vidas, ke Emiliino ne povas ĉi tie resti... Ne donu kaŭzon por malbondirado. Venu kun ni...

JOZ. (*Malmilde*). Ĉu mi malpermesas al vi iri?

EMAN. Sed Mario ne iras volonte, se vi ne venas.

JOZ. Por kio vi min bezonas?

EMAN. (*Malplezure*). Vi estas neelportebla!... Mi ne scias, kiel Mario havas paciencon...

klareco, praktikeco kaj profundeco. La aŭtoroj montras sin plej kompetentaj instruistoj kaj bonaj lingvistoj. Tial ĉiu Esperantisto, eĉ jam konatiĝinta kun la sekretoj de Esperanto, lernos ankoraŭ ion tralegante la «Metodan Kurson», kiun ni sincere rekomendas al la publiko.

Varman gratulojn al la aŭtoroj kaj ankaŭ al firmo Hachette kiu plublikigas verkojn tiel utilajn, kiel malkaraj.

*Brazilio*, parolado de S.ro Everardo Backheuser prezidanto de la Brazila Ligo Esperantista, farita ĉe la «Societo de Geografio» en Parizo, sub la presido de Lia Ekscelenco S.ro Gabriel de Piza, Plenrajta Ministro de Brazilio en Parizo. Esperanto. Kolekto de «La Revuo». 28 paĝoj 14 1/2 × 20. Parizo. Librejo Hachette kaj k.° Prezo: 1'50 fr.

Tiu ĉi interesa parolado estis publikigita en «La Revuo», kaj pro ĝia granda signifo por la propagando de Esperanto, firmo Hachette kaj k.°, faris apartan tre luksan eldonon kun bonegaj portretoj de S.roj Backheuser kaj de Piza kaj tre belaj vidaĵoj el Brazilo.

*La Reĝo de la montoj*, de Edmond About, el la 153a milo de la franca eldono kun permeso tradukis, Gaston Moch, Esperantista Akademiano, kun 158 ilustraĵoj de Gustave Doré. 248 paĝoj 15 × 21. Esperanto. Kolekto de «La Revuo». Parizo. Librejo Hachette kaj k.° Prezo: 3'50 frankoj.

La verko de la fama franca verkisto S.ro About estas tre konata kaj ni ne bezonas informi al la leganto pri ĝia klara, flua, gaja, kaj klasika stilo. La lerta Esperantisto S.ro Gaston Moch faris tre belan esperantan tradukon, kaj la mirindaj 158 gravuraĵoj de la ĉieadmirata Gustave Doré, faras el tiu ĉi libro unu el la plej ĉarmaj eldonaĵoj pri kiuj Esperanto povas fieriĝi.

En tiu ĉi traduko S.ro Gaston Moch uzas la novajn sufiksojn *aĉ*, *atr*, *iz* kaj *oz* kaj kelkajn novajn radikojn, pri kiuj li sufiĉe klarigas en la fino de la verko.

*Evolucio de la evoluciismo*. Parolado de Prof. Le Monnier ĉe lia akcepto en la Akademion de Stanislas, la 21-an de Majo 1908, el la franca lingvo tradukis, D.ro Noel. Parizo. Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lacépéde. Prezo: 30 centimoj.

Bela broŝureto, kiu pro sia nova kaj interesa temo estas tre leginda. S.ro D.ro Noel faris tre bone ĝin tradukante kaj ĝia plej bona laŭdo estas diri, ke la enhavo tiom logas, kiom la titolo.

*Procirkonstanca edzo*, vaŭdevilo de Planard (1813), libera traduko de D.ro Noel. Prezo: 0'75 frankoj.

Jen ankoraŭ alia verko de la senlaca plumo de nia lertega franca samideano! Niaj amikoj tre plezure tralegos tiun ĉi gajan, malpesan, interesan kaj spritan vaŭdevilon, kiu tre taŭgas por prezentado en esperantaj teatraĵoj.

*Vivo de Jesuo*, de Ernast Renan, (eldono popola), laŭ la 78a milo franca, esperantigis Emilo Gasse. Prezo: 2'90 frankoj. Aĉetebla ĉe la aŭtoro (77, Rue Ernest-Renan, Le Havre (Francujo) kaj ĉe ĉiuj librejoj.

Ni nenion devas diri pri la enhavo de tiu ĉi franca verko, ĉar ĝi estas tre konita de la publiko kaj koncernas religiajn aferojn, pri kiu multaj ekzistas respektindaj opinioj. La traduko de S.ro Gasse estas lerte farita, kaj en la teksto oni uzas nur sensupersignajn literojn, por kio oni anstataŭis literojn ĉ, ĝ, n, ĵ, ŝ, ŭ, per *ch*, *gh*, *hh*, *jh*, *sh*, *u*, kiel de la unua tempo konsilis ĉiam nia Majstro. Ni tre aplaŭdas la kuraĝan imitindan sistemon de S.ro Gasse, unue ĉar la okuloj tre rapide kutimiĝas al tiu ĉi sensupersigno presado, kiu ne estas stranga, nek malbela, kaj due, ĉar tiamaniere oni venkas tiun grandan barilon, kiun oni trovas en multaj presejoj por la publikigo de esperantaj tekstoj. Ŝajnas nur bagateloj, ke la presistoj povas havi la materialon de supersignaj literoj, sed almenaŭ en Hispanujo, tiuj, kiuj okupiĝis pri presaj aferoj,

bone scias, kiel malfacile oni venkas tiun nekompreneblan rutinon, tiun kontraŭstaron de la presistoj provizi sin sufiĉe je la supersigna presmaterialo. Dum ni ne trovos facile en ĉiuj presejoj la supersignajn literojn, ni povos helpi nin per la sistemo de S.ro Gasse, kiu ĝin sekvante nur obeis al la konsilo de D.ro Zamenhof kaj estis fidela al Esperanto. Kiel prave diras nia kara kolego «Lingvo Internacia» pri tiu ĉi verko, ĉiam estas eble kaj facile resti fidela al nia afero.

VICENTE INGLADA.

# SUR LA STRATO

## (Efektiva sceno)

Sur strato promenas tre grava sinjoro:
Li ĵus fortagmanĝis kaj vivas kontenta,
Kun plena ventrego, kun ĝojo en koro,
Senzorga, trankvila, fiera, sensenta.
Subite al li knabineto aliras,
Malgrasa ŝi estas, en vesto malriĉa,—
Plorante, ŝi manon etendas kaj diras:
«Ho, donu almozon al mi malfeliĉa!»
«For! for, abomena, senhonta knabino!
Labori vi devas, almozon ne petu!...
Vin sendis, kredeble, malĉasta patrino,
Por ke per almozo vi brandon aĉetu?»
—«Ho, ne, estimata, bonega sinjoro!
Patrino... ho, mia plej kara patrino!...
Ŝi eble jam mortis en tiu ĉi horo...
Malsana ŝi estas...»—«Ne, truda knabino,
Foriru, foriru! Al via rakonto
Ne povas mi kredi: ĝi estas malvera!
For, for! ne mensogu! Al vi estu honto
Pasantojn trompadi per vido mizera!...»
Kaj ree promenas gravega sinjoro
Kun plena ventrego, kun vido kontenta,
Kun nigra animo, kun ĝojo en koro,
Feliĉa, trankvila, fiera, sensenta.

V. DEVJATNIN.

KURIOZAĴO

# La gramatika familio

La gramatiko, nutristino de la lingvo havas dek gefilojn, nome:

La *substantivo*... grava posedanto.

La *artikolo*, paĝio de la substantivo kaj lia enkondukanto.

La *pronomo*, konfidato de la substantivo kaj lia reprezentanto.

La *adjektivo*, lakeo de la substantivo; li vestas la livreon, kiun tiu donas al li.

La *verbo*, monarĥo, kiu ĉiam marŝas al la militiro kun sia armeo, kvankam multfoje li iras kaŝata.

La *participo*, mistera ministro, kiu jen vestas reĝe jen lakee.

La *adverbo*, kvazaŭservisto, ĉiam sub ĉiuaj ordonoj.

La *prepozicio*, publika notario, kiu atestas pri la ekzistantaj kunrilatoj inter la aliaj.

La *konjunkcio*, ĉikanema estaĵo, kiu jen kuniĝas kun siaj gefratoj, jen ilin disigas kaj nerepacigeble ilin malkunigas.

La *interjekcio*, kvazaŭ feino malgranda kaj malkvieta, kiu jen eliras bone akompanata, jen ŝajne sola, kvankam tiaokaze ŝi kunportas kaŝita la reĝon.

Tradukis,

ESP-ISTO 17.206.

# Memorindaj datrevenoj de Majo

1.—1855. Napoleono III-a kaj la imperiestrino Eŭgeniino malfermas la Unuan Ekspozicion de Parizo.

2.—1616. Mortas la glora angla poeto Shakespeare.

3.—1873. Mortas la fama geografia esploristo Livingstone.

4.—1897. Terurega brulaĵo de la Bazaro de la Bonfarado en Parizo.

5.—1902. Fajra pluvo detruas la urbon Sankta Petro (Martiniko); ĝi kaŭzas 30.000 mortigojn.

6.—1906. Poŝta Kongreso en Romo.

7.—1896. Mortas en Romo la kardinalo Galimberti.

8.—1794. Estas ekzekutata la eminenta franca ĥemiisto Lavoisier.

9.—1805. Mortas en Weimar la mondfama kaj glora poeto Schiller.

10.—1774. Mortas la franca reĝo Ludoviko XV-a.

11.—1502. Eliras Kolumbo el la haveno de Cádiz'o (Hispanujo) por sia lasta vojaĝo al Ameriko.

12.—1886. Terurega ciklono en Madrido (Hispanujo) kaŭzante pli ol cent mortojn.

13.—1792. Naskiĝas en Sinigaglia la Papo Johano Mastai Ferreti (Pio IX-a).

14.—1610. Estas mortigata de Ravaillac la franca reĝo Henriko IV-a.

15.—1889. Inaŭguracio de la Eiffel'a Turo de Parizo.

16.—1889. Eltrovo de Ora mino en Tesna (Usono).

17.—1886. Naskiĝas la hispana reĝo Alfonso XIII-a.

18.—1838. Mortas en Parizo la fama diplomatiisto Talleirand.

19.—1379. Mortas venenita la reĝo Henriko II-a de Kastilujo.

20.—1888. Inaŭguracio de la Unua Universala Ekspozicio de Barcelono.

21.—1881. Inaŭguracio de la tunelo de Sankta Gotardo.

22.—1813. Naskiĝas en Leipzig la mondfama komponisto Rikardo Wagner.

23.—1842. Mortas la fama hispana poeto Josefo Espronceda.

24.—1543. Mortas en Nuremberg la astronomiisto Copérniko.

25.—1899. Mortas en Sankta Petro del Pinatar (Murcio-Hispanujo) la fama oratoro Emilio Castelar.

26.—1885. Enterigo de Viktoro Hugo en la Tombo de Famuloj, en Parizo.

27.—1265. Naskiĝas en Florenco (Italujo) la mondfama poeto Dante Alighieri, aŭtoro de «La Dia Komedio».

28.—1900. Grava Suneklipso, videbla en Hispanujo.

29.—1899. Enterigo en Madrido de la fama oratoro Emilio Castelar.

30.—1778. Mortas en Parizo la mondfama poeto, drama aŭtoro, historiisto kaj filozofo Voltaire.

31.—1809. Mortas la fama komponisto Francisko Josefo Haydn.

Kolektis kaj tradukis,
ESP-ISTO 17.206.

# Spritludoj kaj Diversaĵoj

Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)

## ARITMETIKA SPRITLUDO



Anstataŭu la steletojn kaj punktojn per literoj, tiamaniere ke ĉiu horizontala liter-linio esprimu unu kvanton kaj ke la vertikala stellinio esprimu de supre malsupren la sumokvanton de ĉiuj horizontalaj linioj.

## HIEROGLIFO




*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.
Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en nia postvenonta numero.
La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

PENSO

Honesta viro neniam trovas amikinon pli bona ol sia edzino.—*Rousseau.*

PROVERBO

Kiu al nesia hundo donas panon, tiu restos sen hundo kaj restos sen pano.

Solvoj de la *Inkognitaĵo:*

| | | (1) | | | | (2) | | | (3) |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | L | A | T | R | O | |
| | | | | A | R | I | D | A | |
| | | | | D | O | | | | |
| | | | | E | L | | | | |
| | | | | I | R | A | S | | |
| | | | | E | L | B | U | | |
| | | | | Ŝ | O | | | | |
| | | | | D | E | | | | |
| | | | | F | R | E | N | E | |
| | | | | Z | U | L | O | J | |

La ĉi supra figuraĵo elmontras kiel oni povas tondi ĝin laŭ tri pecoj; havante tiu signita per n-o 2, la formon de la litero **E**, kaj la literoj, kiujn ĝi entenas esprimas la *proverbon*:

*La troa ridado eliras el buŝo de Frenezuloj.*

---

De la *Hieroglifo:* (Post-e-no) Posteno.

---

La korespondado inter ni servos por la pligrandigo de spirita amo kaj frateco.»
Mia adresso:
*Rusaj, Bogorodsk Moskov. gub., Semskaja Colnica Yvan Yvanoviĉ Alexsejev.*

---

Per pero de la Administracio de LA SUNO HISPANA, Pintor López, 3, Valencia (España) oni povas akiri ĉiujn la esperantajn verkojn sen pligrandigo de ilia prezo. Nur oni devas aldoni al la kosto de la mendo 99 Sp, se oni volas ĝin ricevi rekomendite.

Ni akceptas poŝtmarkojn el kiu ajn lando.

---

Petu de la Administracio de LA SUNO HISPANA, Pintor López, 3, Valencia (España) la «verkojn» el esperantisto n.º 10.072, sendante la koston de la mendo, per kambio, aŭ per poŝtmarkoj el kiu ajn lando.

| | Pesetoj | Spesoj |
|---|---|---|
| *Verba Amuzajo*, dua eldono. Plena verba konjugacio per paroladeto. | 0'10 | 40 |
| *Cent-Dek-Tri Humorajoj*, dua eldono. . . . . . . . . . . | 0'35 | 139 |
| *Personaj Nomoj*. Provo de esperanta nomigado. . . . . . . . . | 0'75 | 297 |
| *La Perfekta Edzino*. Tradukita el la fama hispana verko de monaĥo Ludoviko de Leon. . . . . . . . . . . . . . . . . | 2'00 | 792 |
| *La kvar verkoj*. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2'75 | 1.089 |
| Se oni volas ricevi la mendon rekomendite, oni aldonu. . . . | 0'25 | 99 |

---



---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.